62 Num. ★ Madrido - Januaro-Februaro - 1923 ★ VII Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRATA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj,,



RELIEFO DE TOMBO (S. PETRO.—HUESCA)

# NOVJARA TAGO

La jaro komenciĝis ĉe la kaldeoj la tagnoktegalecon de aŭtuno; ĉe la grekoj, tiun de la printempo, sed dum la tempo de Periklo ĝi komenciĝis juni'meze; ĉe la romanoj unue, ankaŭ je la printempa tagnoktegaleco, kaj poste kiam la konsulo ekregis, tio estas, unuan tagon de la monato, kiun oni dediĉis al dio Jano, aŭ je la unua de januaro.

En Francujo, sub la Merovingoj, la jaro komenciĝis la unuan de marto; sub la Karlovingoj, la kristnaskon; sub la Kapetoj, la Paskon, kaj de Karlo IX.ª ĝis nun, la unuan de januaro, escepte dum la Franca Revolucio, kiam la jaro komenciĝis la 23ªⁿ de septembro.

En Adglujo ĝi komenciĝis la 15.ªⁿ de marto, ĝis 1751.ª, kaj de tiam, la unuan de januaro.

Nuntempe, la popoloj uzantaj kalendaron laŭ malnova stilo—Rusoj, Grekoj, k. c.—komencigas la nunan jaron je la 14.ª januaro. Por la hebreoj la novjara tago estis la lasta 23.ª septembro—1.ª *tizri* 5683.ª. Por la Mohametanoj, la lasta 24.ª aŭgusto—1.ª *muharram* 1341.ª. Por la koptaj kristanoj, la 11.ª septembro—1.ª *maskarem* 1915.ª, kaj por la Siam' anoj, la 1.ª aprilo.

Kiam estos samtempe novjaro por la tuta homaro? Tion devas decidi esperantistoj, ĉar dank' al ili:

«La popoloj faros en konsento
unu grandan rondon familian.»

Dume tiu tago alvenos bondezirojn al ĉiuj.

---

# La Atlantika Kontinento

Kiam mi vizitis la bibliotekon de Konstantinopolo, mi enamikiĝis kun stranga persono, kun maljuna arabo, admirinda poligloto; li parolis ĉiujn eŭropajn lingvojn kaj iujn mortintajn; li sin subtenis preskaj per almozoj kaj lia sola laboro estis studi antikvegajn librojn kaj papirusojn, kiujn li legis tiel facile, ke la legado mirigis la aŭskultantojn. Postagmezon, mi trovis lin, kiam li estis ekzamenanta egiptan papiruson. Li parolis al mi unue france kaj kiam mi sciigis al li, ke mi estis hispano, ŝanĝis li la francan lingvon per bela lingvo *cervantesa*.

—Kiujn vulkanojn havas nun Hispanujo?—li demandis al mi.

—En aktiveco ĝi havas neniun.

—Ĉu oni povis vidi ilin de la maro?

Jes; tiujn de Olot, en Katalunlando, oni povus vidi de la maro se ili estus funkciantaj, Tiujn, kiuj ekzistis en *Ciudad Real* (centra parto de Hispanujo) ne estis videblaj de la Mediteranea maro.

—Nu; ĉi tiu libro ne mensogas tial ke la vulkanojn de Olot oni povis vidi de la maro.

—Kion, do, diras la libro?

—Aŭskultu. 8.000 jarojn antaŭ Kristo, la Mediteraneo, estis lago; tra la lago vojaĝis asiria naviganto pro misio donita de sia reĝo, por konstati ĝis kie etendiĝis la montaroj. Li navigadis laŭlonge la bordo kaj post du jaroj li sin trovis ĉe la

deirloko, kaj per sia verko, li priskribis tion plej rimarkindan, kion li vidis, menciante la fajrojn de Sicilio kaj la *astudes* (astulajn).

—Ĉu diras la libro *astules* aŭ *astures* (asturajn)?

—*Astules* aperas skribite kaj ne *astures*.

—Okazas, ke en mia lando ekzistas regiono nomata *Asturio*, kies loĝantojn oni nomas *Astures* (Asturojn), kaj la akvo de la Atlantika maro banas ĉi tiun regionon.

—Do legu vi; aŭ plibone, rigardu: ĉi tiu signo estas la *A*; ĉi tiu alia, la *s*; ĉi tiu, la *t*; ĉi tiu la *u*; ĉi tiu, la *l* kaj ne la *r* via; tial la vorto estas *astul* kaj ne *astur*, kiel hodiaŭ vi diras. Mi nur bezonis koni la prahistorian aktivecon de la hispanaj vulkanoj por konstati tion, kion priskribas la verko, ĉar la ceteron mi jam estis kontrolinta.

Kiam mi vizitis Egiptujon, mi havis okazon kunvivadi kun la pastroj de la supra Nilo kaj ĉi tiuj rakontis al mi siajn tradiciojn. Ĉiuj koincidis pri punkto kaj dato precizaj; ĉiuj diris, ke la apogeo de la *Atlantoj* estis 11.790 jarojn antaŭ Jesuo-Kristo, kaj ke ili devenis de tiuj, ke la civilizacio, sciencoj, leĝoj, artoj kaj religio estis tiuj de la Atlantoj, ĉar ĉi tiuj alportis al Egiptujo ĉion, kio estis ekzistinta en ĝi.

La ruinoj parolas; ĉi tio estas vero firmega. Kaj ĉiam ĉiuj ruinoj parolis al mi, escepte la ruinoj de l' templo de IO, en la supra Nilo. Tiuj de la suba Nilo, tiuj, kiuj montras la influon asirian, kaldean, babilonan kaj grekan, kondukas nin al tempo de la Faraonoj. Sed en la templo de IO, en la supra Egiptujo, la animo nur sentas kvazaŭ oni ĝin ŝirus profunde, ĉar ĝi sin vidas for de la kontakto kun ĉio antaŭkonata. Ekzistas nekomprenebla abismo, senfunda abismo; oni sentas emocion, kiun oni ne povas klarigi al si. Oni sin trovas en malumoj; oni pretendas vidi, kaj oni ne povas. Laboras la cerbo, la animo kaj la koro; la nervoj ekscitiĝas; la vido celas gravuri sur la menso tion, kio reflektiĝas en la retino; sed tiel densa estas la vualo, kiu kovras la imagon, ke la penadoj de ĉi tiu estas senpovaj por deĉifri tion, kio prezentiĝas antaŭ ni; ĉar tio estas tiel granda, ke tio detruas plenan historion pri jarcentaj antaŭjuĝoj, kiujn bedaŭrinde intruis al ni mensogantaj libroj. Ĝi estas *atlanta* templo!—oni ekkrias fine—kaj per la magia parolo *atlanta*, oni disŝiras la mallumon; la ombroj forkuras, kaj la lumo lumigas la intelekton: la ruinoj parolas; kaj oni sin translokumas al epoko kiu ataŭeniris milaroj da jaroj antaŭ nia Ero.

Ĉiuj civilizacioj de ĉiuj popoloj lasis sur la kruston de la tero dum ĉiuj epokoj signojn elmontrantajn ilian pasadon, ilian arton, ilian kulturon, ilian sciencon, iliajn leĝojn. Tiuj signoj ankoraŭ restas sur la tera krusto, kaj estas necese esti miopuloj aŭ fanatikuloj por ne vidi ilin kaj ne kompreni ilin. La ruinoj de la popolo *tihuaguanac*(k)*a* kaj *toltec*(k)*a*, tiuj de Meksikio kaj Kanaria Insularo, restaĵoj estas de la *atlanta* civilizacio. La piramidoj de Egiptujo, kiuj estis sanktaj monumentoj, temploj por iniciati kaj astronomiaj, kiel tiuj de la monto Líbano kaj la piramidoj de Meksikio; temploj kiuj, per siaj ombroj sur la plankon, dividis la tagon je kvar periodoj; same, kiel la obeliskoj egiptaj, la amerikanaj, elpruvas, per siaj konstruo kaj formo, tri aĵojn: 1.an, ke ili havas la saman devenon; 2.an, ke ili signifis la samon, kaj taŭgis por la samo; 3.an, ke iliaj konstruantoj posedis mirigantajn konojn pri la matematikoj aplikataj al la arĥitekturo.

Dum miaj vojaĝoj tra Suda Ameriko, mi atingis la fonton de la terura *Orinoc*(k)*o*. En la orientaj montobranĉoj de l' *Andes'*, mi konis la patron de mia gvidanto; la patro estis la plej fama pastro de la tuta lando; li apartenis, de prahistoria tempo, al pastra dinastio, en kiu la unua filo ĉiam fariĝis pastro kaj ricevis de la patro la historion de sia raso, kaj la sekretajn tradiciojn de sia popolo. Baldaŭ ni estis bonaj amikoj kaj kune ni persekutis la damcervon kaj la apron, kaj ni ĉasis la tigron de l' *Andes'* kaj la panteron amerikanan. Revenante de niaj ĉasekskursoj, mi direktis la interparoladon en la pasinton; li, siafoje, petis je mi sciigojn pri mia lando; mi, je li,



pri la lia. Tagon, mi parolis al li pri Jesuo de Nazaret', kaj mi rakontis al la pastro lian historion kaj predikadojn, kaj mi celis prezenti Kriston al li tiel, kiel konscias lin la homa menso. Kun religia silento, la pastro aŭskultis min, nek fojon li interrompis min, kaj kiam mi finis, per trankvila parolo kaj voĉo preskaŭ profeta, li diris:

Vi prezentas Jesuon tute malsame, kiel aliaj el via raso lin prezentis al mi! Vi vidigas al mi Estaĵon dian; bonan, knn la plej supera boneco, grandan, kiel estas lia Patro, la Kreanta Dio. Aliaj nur parolis al mi pri venĝoj kaj punoj; vi, pri lia grandanimeco, pri liaj amoj kaj senfinaj bonecoj. Tiu estas mia Dio, la Dio de miaj avoj enkarniĝinta en la purega kulto atlanta...

Kaj mi miris aŭskultante tiujn parolojn de la indiĝena amerika pastro, kaj per nombraj manieroj mi celis ke li estu klarigonta al mi, kiel li havis konojn pri la *Atlanta* Kontinento kaj *atlanta* kulto. Ĉio estis vana: la amerika indiĝeno respondas ĉiam tion, kio konvenas al li, kaj neniam liaj sciigoj estas troaj. Mi estis devigata atendi okazon plibonan kaj havi paciencon. Mia gvidanto kaj lia patro akompanis min ĝis la preskaŭinsulo *Guaira*. Ambaŭ volis vidi la maron, kaj mi ĝoje akceptis ilian proponon akompani min. Ili determinis la vojon, kiun mi ne povis ŝanĝi, ĉar alimaniere, ili estus forlasinta min ĉe la sovaĝa arbaro. Tial ke mi sufiĉe bone sciis tion, kion signifas kaj valoras promeso de indiĝeno, kaj lian fidelecon al la promeso, mi volonte kaj memkonfide akceptis la vojon determinitan de la pastro kaj de lia filo.

Multajn tagojn, ni pasigis la nokton en la ruinoj de iu templo; aliajn tagojn, en kabanaro, kie la indiĝenoj akceptis la pastron, kiel Dion; fojojn ĉe la soleco de la kamparo, ĉu en virgaj arbaroj, ĉu en belegaj herbejoj, kie estis abundaj la ĉasotajoj, kaj kie ni tial nin provizis el karno kaj graso. Je la dudeksepa tago de nia vojaĝo, ni alvenis al vilaĝoj de la respubliko Venezuela', kaj la vivo ŝanĝiĝis. De tiu momento mi estis la gvidanto kaj ili la gvidatoj. Ni haltis nur dum la necesa tempo por ripozi, kaj je la taggiĝo ni revojaĝis ĉiutage. Tagon, ni alvenis apud la urbo Guaira, haveno de Venezuela en la Atlantika maro. Ni staris sur monto je 3.100 m. alta supren de la mara nivelo, kaj la sovaĝaj ondoj de la maro batadis la bordon tute proksime je niaj piedoj. La Andes' rompiĝis, kaj la vastega maro estis antaŭ niaj okuloj. Ni povis admiri belegan panoramon: en la fundon - ruĝa fundo ĉirkaŭata de sovaĝa foliplena kreskaĵaro – staris Guaira; okcidenten, ruĝa suno, kiel fajro, ekkaŝiĝis ĉe la horizonto en maron sovaĝan kaj smeraldkoloran. Mi estis antaŭenirinta kaj min lokuminta en lokon de kie mia rigardo povis ĝui tutplene la belegan pejzaĝon. Ekstaze, mi ne sentis tion, kio ĉirkaŭis min: mia *Mio* nur vivis por rigardadi; mia animo, ravate de tiel granda belo, ĝuis neesprimeblan plezuron senfinan. El mia ekstazo eltiris min la pastro metante sian manon dekstran sur mian ŝultron kaj dirante: «Tiu akvo estas la mortintotuko kovranta la tombon de miaj praul oj. Plilongigante ĉi tiun monton malproksimen, tre malproksimen, ĝis la limo de la *Atlantido* kaj komenciĝo de alia kontinento, vi trovus la landon de la miauloj. Ili vivis en la droninta kontinento (kuŝanta nun en la fundo de la maro) feliĉe je la komenco, ĉar ili estis bonaj kaj justaj, kaj iliaj sciencoj atingis grandan progreson. Poste, diboĉo kaj malbono regis la landon kaj komenciĝis la malbonaj kaj danĝeraj tagoj. Iom post iom malaperis ĉe ili la fido kaj la memoro pri la pasinto; la fadeno, kiu ligis nin al la historio antikva, rompiĝadis. Ni volis novajn formojn, ni neniigis ĉion kaj blasfemis pri ĉio, kaj plena malordo regadis la landon de la vero, anstataŭante ĉi tiun per la mensogo, starigante templojn por la trompo, la krimo kaj la malbono same, kiel ni antaŭe ilin por la *Dio sen nomo* kaj *Sola*... Tagon, la tero tremisĉe sia bazo; la altajn pintojn kovritajn de neĝo kronis fajro; la kolera maro englutis la bordojn; la gentoj, forkurante, supreniris en la pintojn; la rapideco de iuj por atingi la pintojn mortigis aliajn. Ĉio estis

teruro kaj timo. La *Atlantidon* invadis la krimo kaj la morto. Teruriga krakego sufokis la terurajn kriojn angorajn, terura bruego de la akvoj de du maroj, kiuj kuniĝas je mortiganta brakpremo, kovrante la teron de la *Atlantido*, la teron de la artoj kaj de la sciencoj, la teron de la temploj de IO, la teron de la urboj, en kiuj staris piramidoj kaj obeliskoj; la teron de la belaj palacoj; la teron de la sciuloj; tiun, kiu konis la solan veron; tiun, kiu pereis ĉar forgesis sian historion; tiun, kiu por ĉiam kovras la Atlantika maro, sola nomo rememoranta la pasinton de la patrujo de miaj praulojl...»

La pastro silentis. Sur liaj vangoj rulis abundaj larmoj kaj de lia buŝo eliris paroloj, kiujn la *atlanto* diris dum la preĝoj. La pastro kaj lia filo elvokis el siaj koroj la sankta rememoron de siaj prauloj per religia fervoro tiel sincera kaj profunda, ke mi demetis mian ĉapelon por riverenci la gloran pasinton de popolo, kiun tiel terure kaj apokalipse oni malaperigis el la tersupraĵo, pro ĝiaj krimoj.

***César Luis de Montalbán***

Hispane verkis por *El Telégrafo Español.*

---

# Simbolismo de la ludkartaro

La hispana ludkartaro havas kvar kolorojn: *oro* (karoo), *pokalo* (kero), *glavo* (piko) kaj *neprilaborita ligno* (trefo). Tiuj kvar koloroj havas diversajn signifojn.

Laŭ la antikvuloj, ĉe l' Naturo estas kvar elementej: la *tero* (solidoj), la *akvo* (fluidaĵoj), la *aero* (gasoj) kaj la *fajro* (etero). Oro simbolas la *teron*, el kies profundaĵoj oni elprenas ĝin; pokalo, la *akvon*; glavo, la *aeron*, kiu penetras en ĉio, kiel pinto de glavo; kaj *ligno*, la *fajron*, kiu estas produktata de la froto de du lignoj.

En Hindujo ekzistas kvar kastojn: la *brahmanoj aŭ pastroj*, la *militistoj*, la *komercistoj* kaj la *laboristoj*. Pokalo simbolas la kalikon de l' *pastroj*; glavo, la *militistojn*; oro, la *komercistojn* kaj ligno, la *terkulturistojn* kaj *laboristojn*.

Ĉe la homo oni povas distingi: la *fizikan korpon* (ankaŭ simbolita de l' *ventro*, kovrata de haŭta sako); la *emocian korpon* (ankaŭ simbolita de l' *koro*, protektata de osta kaĝo); la *intelektan korpon* (ankaŭ simbolita de l' *cerbo*, kiun ŝirmas osta skatolo); kaj la *Homon Mem Senkorpan, Spiritan*, protektata de siaj bonaj agoj, pasioj kaj pensoj.

Ligno, enradikigita en la tero, t. e., en la materio, simbolas la *fizikan korpon*, kiu devas sin nutri per vegetaĵoj. Pokalo, la *emocian*, tial ke alkoholaĵo ekscitigas la pasiojn. Glavo, la *intelektan*, tial ke nerva sistemo de l' homo estas glavo, kies mantenilo estas la cerbo, kaj kies vundilo estas la dorsa spino; ankaŭ Minervo, la diino de l' Saĝeco eliris el la kapo de Jupitero armita de ĉiuj armiloj. Fine, la *Homo Mem*, la *Spirito*, estas simbolata de l' oro, la filozofa ŝtono serĉata de l' alĥemiistoj de l' mezepoko, kiuj ne nur serĉis la materian metalon, sed ankaŭ la puran oron de l' homa spirito.

Kvar estas la sezonoj: printempo, dum kiu la *ligno* reverdiĝas; somero, dum kiu la *ora suna* disko varmigas; aŭtuno, dum kiu oni rikoltas la vinberojn por fabriki vinon (la *pokalo*), kaj vintro, dum kiu ĉesas la vivo de l' Naturo, kvazaŭ mortigata de *glavo*.

Kvar estas la naturaj regnoj: minerala (*oro*), kreskaĵa (*ligno*), besta (*pokalo*, simbolo de bestaj pasioj), kaj homa (*glavo*, simbolo de l' intelekto).

Kvar estas la ĉefaj viroj de l' Kristanismo: Adamo, kiu manĝis la malpermesitan frukton de arbo (*ligno*); Nohao, el kiu devenas la nuna homaro, kaj kiu drinkis vinon (*pokalo*); Moseo, fondinto de l' hebrea religio, kaj kiu kondukis hebreojn al la almilito de l' promesita lando (*glavo*); kaj Jesuo, kiu predikis la religion de l' spirito (*oro*).



Ĉiu koloro de l' ludkartaro havas dek kartojn. La numero 10 estas ankaŭ simbola

ĉar ĝi estas la sumo de du sanktaj numeroj: 7 kaj 3. La mosea dekalogo enhavas dek artikolojn (7 + 3), kaj ĉiu ludkoloro, dek kartojn: 3 figurajn kaj 7 nefigurajn.

Ĉe la numero 10, la cifero 1 estas vira signo, kaj la 0, ina signo, kaj el la 10 devenas la vivo. Ĝi estas la bazo de nia numera sistemo, kaj la sumo de la KVAR unuaj numeroj (1 + 2 + 3 + 4), tio estas, Hidrogeno + Oksigeno + Nitrogeno + Karbono, la kvar ĥemiaj elementoj de l' vivantaj estaĵoj.



Ciganinoj antaŭdiras estonton per ludkartaro, kaj ne per ŝakludo nek per domentabuletoj. Sendube, tial ke «la kvardek folia libro» estas vera simbola magia libro.

*Fernando Redondo*

A. M. D. G.—Tio estas: Alikanto - Mil naŭcent dudek tri - Dimanĉo - Grasa.

# La vivoforto de popolo

## UTILA EKZEMPLO POR EŬROPO

La Eŭropanoj loĝantoj en Ĥinujo de antaŭ multe da tempo estas la solaj, kiuj povas taksi iuj el la karakterizoj de la nacio plej antikva de la mondo.

Kial—sin demandas multaj—tiu lando, progresmalakurata kaj konservema, restis perfekte unuigita dum pli da kvarcentmil jaroj? Kial Ĥinoj estas la raso plej nombra de la mondo?

La sagacaj spiritoj konstatas, ke la sekreto de la vivoforto de Ĥinujo kuŝas ĉe ĝiaj Literaturo kaj morala sistemo, kiujn la nacio akceptis, kaj kiun ĝi kunigis al la nomo de Konfucio. Tiuj direktoj kaŭzis, dum longaj jarcentoj, konkurencoj por atingi oficialajn poziciojn, kaj ĉi tiuj instigis Ĥinojn sin dediĉi al studado de tiuj libroj mem.

Estas rimarkinde, ke tiuj libroj ne nur koncernas la politikon, sed ankaŭ ili koncernas la familian kaj socialan vivojn, kaj la ĉefa celo de la libroj estas savi la nacion kaj la familion el danĝeraj kontaktoj kaj el falsaj aŭ verŝajnaj tendencoj.

Supozu, ke sescent jarojn antaŭ Jesuo-Kristo, Eŭropo estus stariginta sistemon, kies ĉefan sidejon oni estus metinta en Romo; kies sola lingvo estus estinta latina lingvo; kies solaj libroj estus estintaj la Biblio kaj iuj komentarioj. Same okazis al Ĥinujo.

Same, kiel la Biblio estas la fundamento de la morala sistemo en multaj landoj, kaj la klasikaj libroj tiu de la literaturo; tiel la sentencoj de Konfucio kaj liaj komentariistoj, kaj la verkoj de milionoj da homoj dum dudekkvin jarcentoj, estas la fundamento de la ĥina societo.

Ĉi tiuj doktrinoj kaj unu institucio estas la veraj kaŭzoj por la persistado kaj konstanta kreskado de la ĥina popolo.

Ekzamenante atente tiujn kaŭzojn, oni rimarkas, ke la angla demokratio mem povas lerni lecionojn pri propra konservado el la mirinda lando de la Ekstrema Oriento.

Ekzistas tri doktrinojn, kaj unu konstanta kredo praktika por ili ĉiam persistadis kaj persistadas ĝis nun ĉe la penso nacia. Tiuj doktrinoj estas:

Ke la nacion devas regi la moralo anstataŭ la fizika forto;

Ke la servoj de la plej kleraj kaj plej kapablaj homoj estas nepre necesaj por ĝia plej bona regado;

Ke la popolo rajtas eksigi ĉiun reganton, kiu per sia malbonagemo aŭ per sia malvirta apatio nasku la praktikon de atakanta aŭ tirana povo.

Ĉi tiuj tri punktoj estas la fundamentoj de la admirinda literaturo sociala kaj politika, kiujn subtenas la ĥina nacio.

Dum la malnovaj tagoj de la Monarĥio, kiam la Ĥinoj nomis la imperiestron Filo de la Ĉielo, la sola vojo por atingi la famon estis tiu de la literaturo.

De kiam antaŭ dek jaroj, oni starigis la Respublikon, la antikva sistemo ekzameni la kompetentecon malaperis. Sed la tri ordonoj



RELIEFO DE TOMBO ĈE LA TRE ANTIKVA PREĜEJO ROMANSTILA (S. PETRO.—HUESCA)

elmontritaj restas aŭ persistas netuŝeblaj, kaj ili estas kvazaŭ leĝoj aŭ principoj nutrantaj la spiriton de ĉi tiu popolo el 400 milionoj da animoj.

Nune, diversaj nacioj eŭropaj starigis en Ĥinujo lernejojn aŭ gimnaziojn, kaj al ili alkuras multenombraj lernantoj, por vastigi siajn konojn. La avido por scii kaj la supereco de la raso estimulataj de la sukceso kaj de la admiro por la praŭloj, produktos ne post multe da tempo bonajn kaj abundajn fruktojn. Kaj kiu scias ĉu denove venos de Oriento civilizo pli supera ol la vanta, kiu nun posedas la regadon de la mondo!



# El Galicio, paradizo de Hispanujo

LA DEVENO DE LA «MORRIÑA» (1)

*Hispane verkita de Francisco Grandmontagne.*

Nur konante ĉi tiun pejzaĝon, en kiu la tero kaj la maro kuniĝas ravege je plej supera belego, estas eble klarigi al si tiun profundan melankolion nostalgian, kiu dum la ekzilo, for de la lando, kaptas la spiriton de la galiciano; kiu estas melankolio malĝojig-

(1) Prononcu morinja; morinja estas grava melankolio, kiu kaptas la galicianojn forlasintajn la naskiĝlandon, fojojn kaŭzo de morto.

anta mortiĝe jam konata de la tuta mondo: «morriña».

Ĉi tiun melankolion sentas ne nur la galicianoj, eĉ ĉiuj, kiuj trairis la kamparon de Galicio, ĉar la homa spirito ĉiam restas iel pli-malpli intense aŭ forte altenata al la lokoj en kiuj la inspiro de la Kreinto—antaŭ kiu devas sin klini la genio de la arto—amasigis sian maksimuman povon por la belo. Ĉiuj homoj sentas la nostalgion pri la naskiĝloko, kvankam ĉi tiu estu la plej malbela rokejo nefruktodona; sed estas nedubeble, ke pri tiu altiranta sento, la tiranio de paradizo estos pli granda ol tiu de infero. Jen, laŭ mia kompreno, la psikologian klarigon pri la «morriña». Ne estas nur la sento por la patrujo; al ĉi tiu sento kuniĝas, en krizo de premeganta malĝojo, la elvoko pri la definitiva beleco de la naskiĝlando. La «morriña» estas sento, kiu estas miksaĵo el patrujamo kaj estetika emocio. Kaj eble ĉi tiu lasta estas, kiu pli forte influas dum tiu profunda malĝojo pro foresto. Sed ĉi tiu ideo postulas por perfekta esprimo la lirika formo de Rosalía de Castro, la poetino en kies spirito sentemega, dolĉa kaj sonora, akiris la «morriña» esprimon belegan kaj neimitindan:

«Ventetoj, ventetoj, ventoj,
Ventetoj de mia tero,
Ventetoj, ventetoj, ventoj,
Min portu al naskiĝejo.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Nur en ĝi mi povas vivi.
Kaj en ĝi havi kontenton,
Ĉar kien ajn mi aliras,
Min ĉirkaŭas ombra denso.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Galiciaj ventoj dolĉaj,
Forŝovantaj la ĉagrenojn,
Kaj amantaj la arbarojn,
Ensorĉantaj eĉ riverojn,
Muziko, en niaj valoj,
De l' kanoj de l' maizejoj;
Tre gajaj kunuloj miaj,
Murmuro de ĉiuj festoj,
Min portu viaj flugiloj,
Jam kiel sekfolieton.
Ke mi mortu en ĝi faru,
De mia lando ventetoj,
Ĉar pensas mi, ke, mortinte,
Sopiranta ĝin mi estos.
Ventetoj, ventoj, eĉ ankaŭ
Mi pensas: tra la tombejo,
Tra tie, kie, mortinte,
Por eterne jam mi restos,
Tuŝante foliojn sekajn,
Vi pasos dum nokt' silento,
Eĉ inter blankaj kranioj,
Murmurante kun timemo,
Ankoraŭ post mia morto,
De mia lando ventetoj,
Mi ekkrios vin: min portu
Al ĝi ventetoj, ventetoj!»

Tiel esprimis la «morriña'n» la dolĉa inspiro de Rosalio; tiel ĝin sentas ĉiuj la Galicianoj, Kaj se la emocio estetika de la pejzaĝo tiel profunde penetras en la spiriton de raso ĝis la ekstremo kaŭzi la nostalgian melankolion, la malfortiĝon de la kuraĝo, prave oni povas diri, ne trograndigante, ke ne estas popolo superanta la galician por kompreni la belecon, kaj pli kapabla spirite por senti la belecon laŭ plej alta grado.

Tradukis
J. M. R.

*(Daŭrigota)*

---

# Ion pri Pedagogio

«Pri miaj broŝuroj por infanedukado, mi iam verkis pri Gramatiko kaj Geografio. Ankaŭ mi havas programon por unuagrada lernado; sed mi deziras perfektigi tion per ekzameno de pedagogiaj verkoj kaj broŝuroj kaj libroj verkitaj de fremdlandanoj por infanoj.

»Geografion mi dividis laŭ kvar partoj: 1.e Geografio de la provinco, ellernota per promenadoj, ekskursoj, vidaĵoj k. t. p., kaj kun planoj de urboj; 2.e Geografio de His-



RELIEFO DE TOMBO (S. PETRO.—HUESCA)

panujo kun landkarto kaj ĉio utiligebla por firmigi la konon (bildoj k. c.); 3.e Geografio de la Tero; 4.e Geografio astronomía. Tial ke mi kredas, ke ne estas bona sistemo komenci la studadon je la Astronomio, kio estas plej malfacila, kaj fini je la provinco, kio estas plej facila. Al kelkjara infano, oni ne povas komprenigi, ke Tero estas sfero kaj ke ni havas Antipodojn; sed al dekdu jara knabo tio ja estas pli facila.

»Mia infanino lernos per mia metodo ĉion (eĉ religion, pri kio jam mi klarigos al ŝi ĝustatempe miajn opiniojn). Ŝi jam ekskribas per *krajono*, tial ke mi kredas ke inkon oni ne devas uzi la infanoj. Ĝi taŭgus nur por ke ili makulu la vestojn. Lunjo jam skribos per inko post kelkaj jaroj. Skribado per inko devas esti la doktoreco. Skribarto enhavas du partojn: 1.a, lerni la literojn, silabojn, vortojn, frazojn, k. c. kaj por ĉi tio sufiĉas la krajono; 2.a, lerni fari la leterojn *arte*, por kio estas necesa la plumo.»

La antaŭaj paragrafoj estas elĉerpitaj el privata letero de amiko, sperta Esperantisto, kiu iam donos al ni utilajn verketojn pri infanedukado.

## Memorindaj diroj kaj faroj

Envianto diris al Leonido, espartana reĝo:

—Ĉia cia merito konsistas el cia rango; se ci ne estus reĝo, mi valorus tiom kiom ci.

—Se mi ne valorus pli ol vi respondis Leonido—mi ne estus reĝo.



Sokrato korektis severe amikon dum festeno.

—Estus plibone, ke vi estus korektinta lin sole—diris Platono.

—Kial ci ne atendas, ke ni estos solaj por korekti min —rediris Sokrato.

Oni demandis al fama filozofo, kial li parolis malbone pri virinoj kiam aliaj parolas bone, kaj la filozofo diris: Ili diris kiel la virinoj devas esti; mi, kiel ili estas.



La korteganoj de Filipo Macedonia konsilis al li ekzili korteganon, kiu ĉiam parolis malbone pri sia reĝo.

—Kial? Se mi ekzilus lin, li parolus malbone pri mi ĉie—diris Filipo.

# LA LIPHARO

(PRI VERA OKAZINTAĴO)

Iam el plej abrupta rokaro ŝprucas pura kaj diafana akvo; same, ankaŭ, la viroj kun plej bruta eksteraĵo kaj sintenado iam sin montras bonkoremegaj. Kaj ĉi tion elpruvas la jena epizodo:

En humilan razejon de aparta kvartalo de granda urbo eniris viro alta, forta, herkulesa, kvazaŭ ciklopo; lia vizaĝo akra kaj nesociema, malafabla, elmontris ion maldolĉa, ombrigita de maltrankvilo aŭ doloro, kun barbo densa kaj dika lipharo el hirtaj kaj longaj haroj. Kiam li eniris, li salutis kvazaŭ per sovaĝa bleko kaj eksidis atendante lokon por ke oni lin razu.

Ĉiuj, mastro, razistoj kaj ĉeestantoj, rigardis unu la alian kvazaŭ klarigante sin reciproke la danĝeran sintenadon de la ciklopo, kaj kvazaŭ dirante unu la alian: «ni estu singardemaj!» «Kiu kuraĝas diri al li ŝercon?»

Jen li sur apogseĝo preta esti razota. La mastro lin demandas afable kaj ĝentile: «Ĉu mi razos la barbon?»

Li malafable respondis: «Razu ĉion; barbon kaj lipharon.» Kaj samtempe li, metante la dorson de la dekstra mano sur la okulojn, ekploregis angore kvazaŭ infana giganto. Ĉiuj miregis, kaj la angora plorego de la ciklopo plena je doloro kortuŝis ĉiujn, ĉar neniu estus kredinta, ke la giganto timiga tiel povus ploradi. Ĉiuj kompateme sin turnis al la giganto demandante interese pri la kaŭzo de la ploro plendolora, kaj li, per tremanta parolo, per kruda parolo sed, p'ena je profunda sento kortuŝanta, klarigis sian doloregon: lia lipharego estis la unua, neniam oni ĝin razis aŭ tondis, kaj dum lia knabeco estis kaŭzo de fiero por li, kaj same dum lia juneco kaj matureco; pro neklarigebla manio li amegis sian lipharon; tamen li volis ĝin razi, kaj eĉ se estus eble, ke estu malaperonta por ĉiam la haroj de sur lia dika lipo, ĉar la lipharo dika, hirta kaj timiga estis la plej amata ludilo de lia sola filo, de la tre amatega filo, jus mortinta.

Kiam reveninte de la laborejo hejmen, li prenis sur siajn brakojn la amatan fileton, kaj li freneze karisadis la filĉjon, ĉi tiu enpenetradis siajn fingetojn delikatajn en la densan lipharon, kaj por la filĉjo estis ĉi tio tiel granda plezuro, ke eĉ de la mamoj de la patrino saltetis la infaneto al la brakoj de la patro por ludi per la hirtaj haroj de la lipharo kvazaŭ skrapante aŭ serĉante ion, sed ĉiam plenigante la patran koron je feliĉo, dum la delikata pupeto vivanta balbutetis. Dum la malsano de la filĉjo same okazis; kaj kiam la amata fileto agoniis, jam sen fortoj, eĉ li rigardis kaj ekmovetis siajn braketojn al la lipharo, kaj la patro sin klinante al la malsanuleto alproksimigis lian ludilon al li, kaj li mortis plektante siajn fingretojn kun la hirtaj haroj. La patro ne volas, ke ies manoj tuŝu la ludilon de la perdita filĉjo

Ju pli simpla estis la epizodo, des pli ĝi kortuŝas kaj kvazaŭ roso malsekigas la okulharojn. Ĉu ne?

# DEVENO DE TAŬRLUDOJ

## KAJ IOM DA HISTORIO

La taŭro estis konsiderata ĉiam, kiel unu el plej utilaj bestoj por la homo, tial multaj antikvaj gentoj ĝin veneris, kiel Dion, kaj



PORTALO DE LA PREĜEJO DE SALAS (HUESCA)

precipe ĝin adoris la Egiptoj, kiuj nomis la sanktan taŭron *Apis*. *D' Ancarville*, en la 3.ª ĉapitro, 137.ª paĝo, de la I.ª volumo de sia verko pri la origino kaj progreso de la greka arto, diras: «Ke la taŭra emblemo uzata de la Araboj je tre antikva epoko, nomata de ili *Urotalt* kaj *Adonocus*; nomata de la Israelidoj *Adonai*; ankaŭ estis uzata de la Persoj, kiuj ĝin nomis *Mithras*. La Grekoj nomis ĝin *Dionysino* kaj *Bachus*; la Egiptoj ankaŭ ĝin nomis *Mnevis*. Oni ignoras, kiel nomis ĝin la *Cimbrioj*, gentoj venintaj de Azio, kaj kiuj ĝin kunportis al Norda Germanujo kaj de ĉi tie en Italujon. Ĉi tiu emblemo ekzistas ankoraŭ en Japanujo, en Hindujo kaj en Tartarujo; oni ĝin trovas en Ĥinujo, ĉe la templo Ma-ka-la-tyen, vorto signifanta «Palaco de la Kornoporta Bovo».

En *Galiujo*, lando de la *Galoj*, ĉi tiuj konsideris la taŭron esti dio de la arbaroj, kaj en iliaj temploj idolo el bronzo aŭ el stano reprezentanta ĝin estis adorata de ili, kaj la

plej solena ĵuro estis tiu farita al ĝi. *Plutarco* diras, ke dum regado de la konsulo Mario, multenombra militistaro konsistanta el *Teŭtonoj*, *Cimbrioj* kaj aliaj gentoj preterpasis la riveron *Adige* por iri sieĝi Romon; la invadantoj proponis kapitulacion al la romanoj promesante per ĵuro je sia Taŭro plenumi la kondiĉojn de la traktato. Poste la historiisto aldonas, ke kiam la romanoj venkis ilin, la Konsulo Catulo portigis al sia hejmo ĉi tiun idolon, la Taŭron, kiel gloran militakiraĵon. *Gregorio de Tours* jesas, ke la *Galioj* adoris la taŭron, kaj *Leuvir*, per siaj keltaj monumentoj, konstatas, ke en la tombo de la reĝo *Chilperico* (Ĉilperiko), de la v.ª jarcento de nia ero, oni trovis kapon de taŭro el oro, bildo, kiun la keltoj portis formante parton el siaj militstandardoj. Proksime je Madrido estas la nomataj *Taŭroj de Gisando*, skulptaĵoj keltaj tre antikvaj, kiuj certe estis idoloj. *Baŭdelot* diras, ke la taŭro eble estas alegorio pri la paco ĝuata de la popoloj sub regado de la romanoj. Tial kaj ankaŭ ĉar ĝi simboligis multajn aĵojn utilajn kaj aliajn pri tiamaj kultoj, kiuj eĉ ĝin metis ĉielen, nomante tiel konstelacion el la ĉefaj, oni dediĉis al ĝi multenombrajn poemojn, grekajn kaj romanajn medalojn, kaj ĉi tion scivolemulo povos vidi sur la numismatika vortaro de *Gusseme*, kaj estis Hispanujo unu el nacioj, kiuj pli honoris la taŭron, kaj tion ĉi pruvas la *medaloj de la urboj kaj Kolonioj romanaj* de ĉi tiu nacio, kaj pri kio parolas pastro *Flores* per verko sia tiel titolata: ankaŭ ĉi tion pruvas, ke oni donis ĝian nomon, *Toro*, al fama kaj grava antikva urbo de Kastiljio, kiu ankoraŭ konservas la nomon.

Rilate al monumento trovita en *Clunia* kaj kiu prezentas detalojn keltajn, *Erro* defendas, per sia verko pri la vaska lingvo, ke la taŭrludoj estis antaŭaj je la romanoj en Hispanujo; tial ke ĉi tiu monumento estas antaŭa je *Julio César*, kiu estis, laŭ Plinio, la unua, kiu okazigis taŭrludojn en Romo, ne estas dubo pri la plej granda antikveco de la hispanaj taŭrludoj koncerne romanajn. La ŝtontaŭroj, kiujn oni povas vidi en la hispanaj provincoj *Salamanca*, *Avila* kaj *Segovia*, prezentas skulptkarakterojn, kiuj atestas plej antaŭan daton je tiu de la romana regado, kaj ĉi tion defendas *Somorrostro* pri la taŭroj de *Segovia* per sia verko pri la Akvokondukilo kaj Al aj Antikvaĵoj de Segovia, eldonita je 1820.

La romanoj okazigis en siaj cirkoj festojn, en kiuj la homo batalis kontraŭ sovaĝaj bestoj, en kiuj bestoj batalis kontraŭ bestoj, el kiuj unu el ĉefaj estis la taŭro, laŭ *Suetonio*. La krimuloj kondamnitaj esti ĵetotaj al sovaĝaj bestoj, puno tre ofta por la unuaj kristanoj, kiun belege priskribas *Chateaubriand* per sia leginda poemo pri la Martiroj, estis kiuj amuzis la popolon per siaj teruraj mortoj. *Quo Vadis* prezentas al vi belegan scenon ankaŭ. Ankaŭ estis viroj lueblaj malinde por ĉi tiuj bataloj, kaj oni nomis ilin *bestiaroj;* ĉi tiuj viroj ĝenerale batalis nur kontraŭ la taŭroj, kaj jen eble la origino de la toreadoroj.

*Suetonio*, priskribante la vivon de la imperiestro *Claudio*, diras, ke dum la festoj ĉe la cirkoj, post kvin kuradoj de ĉaroj aŭ de ĉevaloj, oni okazigis batalon inter viroj kaj sovaĝaj bestoj, aŭ inter sovaĝaj bestoj, kaj poste oni daŭrigis la kuradojn. *Valerio Marcial*, hispano naskiĝinta en *Bilbilis*, diras per sia Amfiteatro, ke la sovaĝaj bestoj por la bataloj estis leonoj, tigroj, ursoj, rinoceroj, elefantoj, aproj kaj taŭroj, kaj ke la bataloj okazis ĉu inter viroj kaj bestoj, ĉu inter bestoj. La multenombraj romanaj cirkoj, kies ruinojn ankoraŭ oni vidas en Hispanujo atestas, ke la romanoj enportis tiajn festojn en la nacion.

La grekan kutimon pri batalado de homo kontraŭ besto akceptis la Romanoj; sed, laŭ historiisto, la unua kiu *toreadoris* en romana cirko estis *Julio César* por pruvi sian kuraĝon, kaj li, rajdante, mortigis sovaĝan taŭron per lanco.

J. Mangada Rosenörn

(*Daŭrigota.*)



# XV-a Universala Kongreso de Esperanto
## EN NÜRNBERG

### Unua cirkulero

*Starigo de L. K. K.* La Loka Kongresa Komitato, elektita de la Esperanto-Kartelo Nürnberg Füth, konsistas el jenaj personoj:

S-ro D-ro Richard Ledermann, prezidanto (ĝenerala organizo).

S-ro Otto Pilhofer, 1.a vicprezidanto (propagando).

S-ro D-ro Heinrich Orthal, 2.a vicprezidanto (gazeiaro).

S-ro Max Honigsberger, sekretario (financoj).

S-ro Lorenz Meyer (plezurajoj).

S-ro Emil Muscat (loĝigo).

S-ro Heinrich Nass (akceptejo).

S-ro Alfred Meyer-Kirstin (oficejo).

*Adreso.*—La oficiala leter- kaj telegramadreso de L. K. K. estas: Esperanto Nürnberg.

*Aliĝo.*—Samideanoj, dezirantaj aliĝi al la XV-a, estas petataj uzi la aliĝilojn eldonotajn de la L. K. K. Tiuj kiuj ne ricevos la aliĝilon, petu ĝin de L. K. K.

Car por bona prosperado de la kongresaj preparoj estas tre necese, ke la L. K. K. jam tuj en la komenco havu je sia dispono sufiĉe da mono, la samideanoj-aliĝontoj estas serioze petataj kiel eble plej baldaŭ aliĝi kaj pagi la kotizon.

*Oficiala organo.*—Kiel oficialan organon de L. K. K. ni elektis la neŭtralan, sendependan kaj ĉiusemajnan gazeton «Esperanto Triumfonta».

*Dato.*—La XV-a okazos, laŭ interkonsento kun K. K. K., de la 2-a ĝis la 8-a de aŭgusto 1823.

*Kotizo.*—La fiksado de la Kongresa Kotizo estis tre malfacila en la nunaj cirkonstancoj. Serĉante konvenan bazon, ni starigis, interkonsente kun K. K. K., jenan tabelon:

Ĉiu pagu en la mono de sia lando per monbiletoj aŭ bankĉeko. Samideanoj el landoj kun aliaj monunuoj ol la suprenomitaj pagu aŭ dolarojn aŭ ŝilingojn aŭ guldenojn aŭ svisajn frankojn aŭ petu pri speciala aranĝo.

Kiu aliĝos post la 1 de junio, pagos plialtigon de 50 %. Repago de kotizo ne okazos. La unuaj mil aliĝintoj ricevas priurban donacon.

*Garantia kapitalo.*—Por certigi la financojn, esta fondita speciala Garantia Kapitalo.

*Donacoj.*—Sub ĉi tiu rubribo ni notos mondonacojn, faritajn al la Kongresa Kaso.

*Blindula Kaso.*—Plenumante deziresprimojn de la XIII-a kaj XIV-a Kongresoj en Praha kaj Helsinki, la L. K. akceptas pere de la aliĝiloj mondonacojn por la kaso de blinnaj Esperantistoj.

*Envojaĝa permeso.*—Por envojaĝa permeso, laŭ bavara leĝo, ne la registaro, sed la distrikta polico estas kompetenta. La Esperanto-ema Nürnberga konsilantaro kiel invitinto de la kongreso promesis ĉian apogon kaj forigon de ĉiuj rilataj malfacilaĵoj.

*Fakaj kunsidoj.*—Ĉar estonte la kongresaj fakkunsidoj certe havos pli granda gravecon, ni speciale priatentos ilin. Elektinte jam lokajn organizantojn, ni publikigas jam nun la adresojn por kelkaj fakoj:

por blinduloj: Wilhelm Reiner, direktoro de la blindula instituto, Kobergerstrasse 147.

por filatelistoj: Max Honigsberger, Albrecht Dürer-Platz 6.

por juristoj: D-ro Heinrich Orthal, Fürtherstr. 2.

por komercistoj: Emil Muscat, Tucherstr. 21.

por kuracistoj: D-rino Eugenie Steckelmacher Spittlertorgraben.

por laboristoj: Georg Gerber, Allersbergerstr. 57|III.

por scienculoj: D-ro Otto Kleider, Kaiserstr. 7.

Ni aranĝos ankaŭ aliajn fakkunsidojn, pri kiuj ni raportos pli poste.

*Plezuroj.*—Dum la kongreso ni aranĝos,

laŭ tradicio, diversaj festojn kaj plezurajojn: teatrajn reprezentadojn, internacian balon, ekskursojn, koncertojn ktp.

*Komitaton.* — D-ro Richard Ledermann, prezidanto de L. K. K., kaj Otto Pilhofer, 1.° vicprezidanto de L. K. K., estis elektitaj anoj de K. K. K.

*Korespondado.* — Ni petas, ke oni aldonu por kongresaj respondoj la afrankon per laŭlandaj poŝtmarkoj aŭ respondkuponoj.

*Aliĝoj.* — Aliĝis ĝis la 15-a de decembro pli ol 800 personoj el 17 landoj: Armenujo, Aŭstrujo, Belgujo, Bulgarujo, Britujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Estlando, Finnlando, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Hungarujo, Itaiujo, Nederlando, Polujo, Rusujo.
La publikigo de la listo okazos en nia oficiala informilo Esperanto Triumfonta (Horrem bei Koln, Germ.), kiu represos iom la nomojn de la partoprenontoj.

*Kongreskarto.* — Nia oficiala kongreskarto, desegnita kaj dediĉita de nia komitatano S-ro Heinrich Nass estas sendpreta. Por kiel eble plej mujte ŝpari, ĝi estos dissendata senpere nur al eksterlandanoj, kiuj bezonas ĝin supozeble por la pasvizo.

*Envojaĝpermeso.* — Eksterlandaj gazetraportoj pri envojaĝaj malfaciligoj, speciale flanke de la havara registaro estigis maltrankvilon ĉe multaj samideanoj. Kiel ni jam akcentis en nia 2-a cirkulero, ĉi tiuj malfaciligoj ne koncernas la partoprenontojn je nia XV-a Universala Kongreso.

*Gazetaro.* — Estas dezirinde, ke jam nun la Esperantaj kaj naciaj gazetoj ĉiulandaj atentigu pri nia XV-a. Por tiu celo ni rekomendas la uzado de la Nürnberga specialnumero de Esperanto Triumfonta, kiu ja enhavas sufiĉe da interesigr materialo. Ĉiujn koncernajn gazetojn, resp. eltranĉajojn oni bonvolu sendi al la LKK.

*Fakkunsidoj.* — Pluajn fakkunsidojn anoncis: Por fervojistoj: Sinjoro sekretario O. Schlicht, adreso: Esperanto Nürnberg.
Por virinoj: S-ino Signe Wolter-Pfister, Nürnberg, Baderstr. 17.]
Por oficistoj: S-ro Adolfo Oberrotman, Delegito de UEA Warszawa.
Por Scienculoj: ISA (Atentu la apartan cirkuleron de ISA).

*Kongresarangoj.* — Krom aliaj grandstilaj aranĝoj estas projektataj internaciaj recitadmatineo, popoldanca revuo kaj piedpilkturniro. Nepra antaŭkondiĉo estas sufiĉa partoprenado. Pro certigo de la aranĝoj ni petas kiel eble plej baldaŭajn sciigojn.

*Korespondado.* — Alvenis al ni lasttempe multaj ne aŭ nesufiĉe afrankitaj privatleteroj, kiuj kaŭzis multe da elspezoj al la Kongresa Kaso. Ni petas insiste atenti pro tio; alie ni ne povus akcepti nek respondi.

*Loka Kongresa Komitato*

Por eviti konfuzojn oni adresu nur: Esperanto, Nürnberg.



## ANTAŬ-KONGRESO EN PARIZO

**28 - 30 JULIO 1923.ª**

La esperantistoj de la Pariza Regiono organizas antaŭ-kongreson en PARIZO de la 28.ª ĝis la 30.ª de Julio 1923.ª. La antaŭ-kongreso konsistos en vizitado de la urbo kaj de Versailles, teatro kaj komuna festeno.
La aliĝo estas fiksata laŭ tia bazo:
Francoj: 5 francaj frankoj.
Belgoj: 5 francaj frankoj.
Svisoj: 5 svisaj frankoj.
Amerikanoj: 1 dolaro.
Hispanoj kaj katalunoj: 5 pesetoj.
Nederlandanoj: 2 guldenoj.
Angloj kaj britaj kolonioj: 5 ŝilingoj.
Sendu ĉiujn komunikojn, kun respondkupono kiam bezonas, al S-ro P. Petit, Ĝenerala Sekretario de la Antaŭ-Kongreso, 59, Rue de Neuilly, Rosny-sous-Bois, Seine, Francujo.

# TRA LA MONDO

### Inokulaĵo kontraŭ Mediteranea febro

En kunveno de la Scienca Akademio de Parizo, oni legis komunikaĵon de Doktoroj Eicolle kaj Conseil pri evitonta inokulaĵo kontraŭ la mediteranea febro, konita antaŭe per la nomo «febro de Malta», kiu suferigas loĝantaron de la tuta marbordo de la Mediteraneo, kaj kies disvolviĝado estas peniga kaj longedaŭra.

S-roj Nicolle kaj Conseil atingis sukceson per inokulaĵo preparita de ili, konsistanta el varma produktitaĵo de l' mikrobo «micrococus melitensis».



### Por Eviti Danĝerojn de la Inokulaĵoj

Dokroro Roux antaŭ la Scienca Akademio de Parizo, legis raporton de Doktoroj Lumiere kaj Chevrotier priskribantan metodon elpensitan de ili por eviti riskojn pro inokulaĵo injektita kontraŭ la difterito, kontraŭ la tetano kaj kontraŭ aliaj malsanoj.

«La komplikaĵoj kaŭzitaj de la uzado de kontraŭvenenaj inokulaĵoj devenas de precipitaĵo naskita en la sango de la persono suferinta infektitaĵon, kaj tial ke la precipitaĵo fermas la malgrandaĵn vejnojn. Doktoroj Lumiere kaj Chevrotier evitas la precipitaĵon injektante en la sangon de la malsanulo antaŭe malgrandetaĵn porciojn da *hipofosfitos* de sodo.



### Nova Procedo sin Karakterizi en la Teatroj

La antikva maniero por sin karakterizi geaktoroj baldaŭ malaperos, ĉar oni elpensis novan procedon, kiu estas simila je la tatuo, sed sen suferoj kaj doloroj por la persono. La procedo ne suferas influon de la varmo aŭ malvarmo, ne maskas la belecon de la fizionomiaj trajtoj, sed male, ĝi evidentigas pli ĉi tiujn.

Certe, kiam la virinoj konscios pri la nesuferiga tatuo ili imitos la aktorinojn, kaj ĉi tiu tatuo fariĝos modo; tiam ne estos strange vidi sur vizaĝo de virino eĉ papilion kun belaj koloroj, skarabon sur birina brusto aŭ brako, k. t. p., k. t. p., same kiel oni vidis ĵus muŝojn kaj kapricajn haŭtmakuletojn.



### Ĉu oni elkovris palacon de Herodes la Granda

La elfosaĵoj faritaj en la fruktoĝardeno de *Getsemaní*, per kiuj oni elkaŝis preĝejon de la unuaj kristanoj, estis kvazaŭ stimulo por novaj elkaŝoj. La Fako pri Antikvaĵoj de Palestino kaj la Arĥeologia institucio de Jerusalem aktivigis la elfosadon. Monaĥoj, dum la printempo de 1920, elfosis por la bazo de nova konstruaĵo en la fruktoĝardeno, kaj ili trovis unu el plej antikvaj monumentoj kristanaj de Palestino. Oni trovis la eksterajn murojn, la kolonojn, de la navoj kaj mozaikon de la pavimo sufiĉe bone konservataj. Tial la monaĥoj decidis, ke ĉi tiuj restaĵoj estu entenataj de la nova preĝejo kaj ilin povu vidi vizitontoj same, kiel oni elkaŝis ilin.

La monumentoj de Palestino havas, krom la arĥeologia karaktero, historian kaj religian karakterojn; tial tre atenteme kaj zorgeme oni daŭrigas la elserĉadon, ĉar eble oni povos per ili elmontri la disvolviĝon de la juda regno de ĝiaj unuaj tempoj, de Siloam laŭlonge la montetoj Ofel ĝis la starloko de la templo.

Same, kiel en Jerusalem, en la cetero de Palestino oni trovas monumentojn mahometanajn kaj kristanajn de la tempo de la Sanktaj Militekspedoj. Unu el plej imponaj estas la granda fortikaĵo Atlit, en la marbordo, inter Haifa kaj Jaffa. Ĉi tiu loko estis la lasta; kiun forlasis la militistaro de *Ricardo Corazón de León* (Koro de Leono).

Baldaŭ oni ekelfosos la antikvan fortikaĵon Meggido, fama dum la epoko de la Faraonoj, kaj tiun de Beisan, kiu staris inter la valo Esdradon kaj la riveao Jordan, ŝlosilo de Palestino.

Proksime je Jericó oni elkovris sinago-

gon, kies mozaika pavimo prezentas hebrean skribajon. En Artuf, en Sesarea kaj en Tiberiales oni trovis ruinojn tre interesaj je la juda historio. Sed la ĉefa eltrovo estas tiu de Ascalon, en kiu oni elkaŝis admirindan konstruajon de la romana epoko, tute farita el greka marmoro. Ĉu ĝi estas templo, forumo aŭ la palaco de Herodes la Granda, kiu loĝis en Ascalon?

La fustoj de la kolonoj pezas naŭ mil kilogramojn; la kapiteloj, trimil. La pavimoj, muroj kaj kolonoj estas el marmoro. Oni supozas, ke en la grekaj insuloj, oni laboris ĉiajn elementojn, el kiuj oni starigis la konstruajon, kaj ke oni transportis ilin al Ascalon je la unua aŭ dua jarcento de nia Ero. Interne de la konstruaĵo, oni trovis restsignojn de la sankta lago de la Diino Derceto.

Oni scias, ke Herodes beligis la urbon starigante grandiozajn monumentojn kaj mirigantajn kolonarojn.

Unu el la eltrovitaĵoj estas gigantega piedo longa je unu metro proksimume, kun sandalo el alabastro, kaj per ĝi oni povas imagi pri la miriganta statuo al kiu apartenis.





Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid